




3/2003
Aprilo/Majo
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Hamburg valoras viziton!
# Antaŭ la UK: Hamburga Somero



**Hamburg** (ehh). De la 17a ĝis la 25a de Julio 2003 okazos la „Hamburga Somero" por vojaĝantoj survoje al Gotenburgo, kie inter la 26a de Julio kaj la 3a de Aŭgusto estos la 88a Universala Kongreso de Esperanto.
Hamburga Esperanto-Societo ofertas interesan programon pri diversaj vidindaĵoj, historiaj, kulturaj kaj teknikaj; Esperantlingve lerte prezentite. Oni vizitos lokojn ne sperteblajn por „normalaj" turistoj.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg

**Dankon Sinjoro Bush**
atendis de la "malnova" Eŭropo pro la multaj bonaĵoj, kiujn Usono donis al ĝi dum la pasinta jarcento. Sed anstataŭ

Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidantino:
Dr. Vesna Stanicic-Burchards

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de

Redaktofino de

n-ro 4/03: 15-05-2003

**Sentenco**
Du aferoj estas senfinaj:
La universo kaj la homa
stulteco. Pri la universo
mi ankoraŭ ne tute certas.

*Albert Einstein*

sekvi al la "gvidanto de la mondo" (tion skribis Prez. Truman en 1945, kaj Bush same opinias), Germanoj, Francoj kaj Rusoj malakceptas la decidon de Bush, konkeri la disponon pri la nafto-fontoj en Irako.
Laŭ Bush oni devas forigi Sadam Husejn el Irako, ĉar li ne akceptas decidojn de UNO kaj posedas danĝerajn armilojn.
Bush mem malatentas la volon de la plimulto en UNO kaj lia ministro Rumsfeld mem liveris armilojn al Sadam antaŭ 20 jaroj.
Bush volas porti "demokration" al Irako; ĉu laŭ Usona stilo, la rajto de la plifortulo?
La registaro de Bush malaprobis la fondadon de Internacia Kriminala Juĝejo. Ĉu pro tio, ke ili sciis ke Usono planas militon kontraŭe al la Internacia Popola Rajto?
Laŭ mia opinio, tiu mem nomita "gvidanto de la mondo" nur agas por propraj interesoj kaj neniam zorgis pri la bonfarto de aliaj popoloj.

Benno Klehr

**Harema Festo** 29.03.03 - 18.00 h



Jam en 1994 okazis Harema Festo en la HES-klubejo. Tiam ĝi ankoraŭ pli similis al karnavala vespero en la tradicio de la klubo. Dum la pasintaj jaroj la festo pli kaj pli ŝanĝiĝis al dancvespero kun Araba kaj alia muziko. Speciale bonvenaj estas gepatroj kun infanoj. La patropreno estas senkosta, sed oni kunportu manĝaĵojn aŭ pagu por tio, kion oni manĝas.
Trinkaĵoj estas aĉeteblaj en la klubejo, kaj per tio iom gajnu la kluba kaso.

---



**25 jaroj de la Esperanto-Domo en Hamburg**

Ĉu vi memoras? En 1978 Hamburga Esperanto-Societo aĉetis propran domon en Klaus-Groth-Str. 95. Multaj membroj estis tre entuziasmaj, multaj avertis, ke fiaskos la projekto post mallonga tempo. La Esperanto-Domo estis inaŭgurita en Majo 1979, kaj ĝis hodiaŭ ĝi ekzistas.

BK

---

**Europawoche 2003**

(Informationen von Gerhard Hein)

**FR** 25. April 10-19 Uhr Rathausmarkt SEV
**Info-Bude Esperanto**
SEV in der Bude für den LV Esperanto.

**SA** 26. April 10-19 Uhr Rathausmarkt LV Esperanto HES
**Info-Bude Esperanto**
Europafest auf dem Rathausmarkt

**SO** 27. April 10-19 Uhr   Rathausmarkt LV Esperanto   HES
**Info-Bude Esperanto**
Europafest auf dem Rathausmarkt

**MO** 28. April 19 Uhr   Dokumentationszentrum im Mahnmal St. Nikolai Ost-West-Straße   SEV
Eintritt 2 € für das Mahnmal
*Neue Flügel für Europas Wirtschaft:*
*Chancengleiche internationale Kommunikation*
*im Binnenmarkt und Sozialdevisen für das Soziale Netz.*
Ein Vortrag von Gerhard Hein

**FR** 02. Mai 13-15 Uhr   Zelt der Europa-Union, Rathausmarkt   SEV
*Europa gewinnt mit der internationalen Sprache Esperanto.*
Informationen, Beratung, Gespräche.
Sprechstunde der Stiftung Europaverständigung e. V.
mit Delia Pick und Gerhard Hein

**SA** 03. Mai 12.30 Uhr   NDR-Bühne auf dem Rathausmarkt LV Esperanto   HES
**RALPH GLOMP**
Musik, Esperanto und Interviews

**SO** 04. Mai 14-17 Uhr   Esperanto-Haus Klaus-Groth-Str. 95 LV Esperanto   HES
*Esperanto - die (wenig) bekannte Weltsprache*
Informationsveranstaltung und Schnupperkurs
mit Dr. Vesna Stanicic-Burchards

---

**Nia programo**

| Aprilo 2003 | Majo 2003 |
|---|---|
| **3** *Lars Sözüer:* **Ludoj pri la historio de Esperanto kaj de Hamburg**<br><br>**10** *V. Stanicic-Burchards:* **Diapozitivoj pri Ganao**<br><br>**17 Ovokunveno de Hamburga Esperanto-Societo (Antaŭpaska vespero)**<br><br>**24** *Klubaj Aferoj:* **Eŭropa Somero** | **1** Fermita pro festotago<br><br>**8** Raportoj pri Paskaj renkontiĝoj<br><br>**15** *Klubaj Aferoj:* **Varbado**<br><br>**22** *Benno Klehr:* **Enigmo**<br><br>**29 Ĉe-Ellen-ir-tago Kafo kaj kuko en la klubejo 16.00 h** |

**<u>Betr:</u> HES-Jubiläum 2004**

Ich möchte den NDR animieren, im nächsten Jahr im „ Hambuger Hafenkonzert" ausführlich etwas über HES zu bringen. Gibt es in der HES-Geschichte etwas mit Bezug zum Hafen oder zur See? Vielleicht Berichte über (geschichtliche) Kontakte von HES bzw. HES-Mitgliedern zu Esperanto-Freunden in Hasfenstädten im In- und ausland? Wer hat Ideen? Bitte bei mir melden.

Gerhard Hein

---

## 95 jarojn Esperanto en Rostock

La festkunveno okazos de 5a - 7a de septembro 2003
Nia provizora programo: Vendered la 05an de septembro 2003. posttagmeze: akcepto de la partoprenantoj en Hotelo "Nordland" vespere (20.00 horo): interkona vespero kun prelegoj. sabato, la 06an de septembro 2003 10.00 - 12.00 horo festaranĝo en gastejo "Ratskeller" de urbocentro en Rostock (prelegos dro. D. Blanke, prezidanto de "Gesellschaft für Interlinguistik"), 12.00 - 13.00 horo, tagmanĝo en la sama gastejo, per ŝipo al la "Internacia Gardenkultura Ekspozicio" -IGA- 18.00 - 20.00 horo, vespermanĝo kaj kultura programo. dimanĉo, la 07an de septembro 2003 10.30 horo "Petri-kirko, (preĝejo)" kun belega rigardo al Rostock, vizito de "ŝipvetura-muzeo" de Rostock. 13.00 horo, la komuna tagmanĝo en gastejo "Fischers Fritze" en ĉefa stacidomo finiĝos la festkunveno. Tranokton vi bonvolu mem mendi en la hotelo "Nordland" ĝis la 20a de julio 2003 La prezoj por unu nokto kun matenmanĝo 40 po persono en dulita ĉambro, 25 krompago por unu persono en unu ĉambro. En la hotelo "Nordland" okazos ĝis marto 2003 renovigo, poste ĝi apartenos al "Steigenberger Hotel Sonne". Tial bonvolu mendi por hotelo "Nordland" al tiu adreso: Steigenberger Hotel Sonne, Neuer Markt 2, 18055 Rostock Tel.: 0381 / 49 73 155.
Aliĝo je la kunveno: Magret Schattenberg, Bremer Str. 6, 18057 Rostock tel.: 0381 / 2006227 e-mail: magretS@web.de
Laŭ deziro ĉiu ricevos iom antaŭ la kunveno precizan programon (bv. sendi al mi afrankitan leteron kun via adreso).

---

## Retpoŝtaĵo alvenis el Ĉinio

Von: cel@china-report.com
Gesendet: Sonntag, 9. Februar 2003 08:03
An: hamburg@esperanto.de
Betreff: mi petas helpon

Saluton:
Mi redaktas esperantan gazeton "La Mondo" en Chinio kaj ni havas rubrikon "amika ghardeno", en kiu ni aperigas la adreson de kiu tiu volas korespondi kun aliaj. Chu vi povas sendi al mi tiajn adresojn de esperantistoj en via lando? Mi tre dankas vin.
Liu Zijia

---




**Radio Polonia en interreto**



Kiam oni volas aŭskulti la programon de Pola Radio per antena aparato, oni ofte havas malfacilaĵojn, bone kapti la frekvencon. Krome oni devas aŭskulti la elsendojn dum certa tempo, kiu al multaj ne konvenas.
Sed ekzistas ebleco, aŭskulti la elsendojn de la pasintaj tago je ajna horo en interreto registritaj:
Iru al "World Radio Network". Tiam klaku la elekteblan >> Listener's Area <> Radio Polonia <(Aktuala programo)

BK

---

Ni funebras pro la forpaso de du multjaraj membroj



Friedel Kogel-Tischler
1911 - 2003

Friedel Kogel dum multaj jaroj kunlaboris en Hamburga Esperanto Societo: skribis protokolojn, revizoris la kluban kason, prizorgis la dresaron kaj dissendis la kluban informilon. Ŝi regule kunlaboris en la klubejo kaj dum kongresoj kaj ekspozicioj. Dum sia profesia vivo ŝi gvidis entreprenon por geedziĝa perado, la Instituton Tischler, kiun ŝi transprenis de siaj gepatroj. Siajn lasstajn jarojn ŝi



Hannelore Meinssen
1925 - 2003

Hannelore Meinssen okupiĝis pri tiaj necesaj sed neŝatataj laboroj en la klubejo, kiujn oni ofte ne vidas: Ŝi skribis nome de la klubo gratulajn leterojn al membroj kiuj havis gravajn datrevenojn; ofte en formo de poemo. Ankaŭ en la aranĝoj de la klubo ŝi ofte helpis. Por vivteni sin kaj la du infanojn ŝi instruis ludi pianon kaj fluton en Bergedorf, kie ŝi loĝis. Dum la lastaj jaroj ŝi ne plu povis

| | |
|---|---|
| pasigis en maljunulejo, kaj iom post iom forlasis ŝin la fortoj. | partopreni en la kluba vivo pro malbona sanstato. |

Re al Esperanto en Hamburg